4/97

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Cenzuro aŭ redakto

## Pri fenomeno de la japana socio

**Iuj japanoj skribis al la redakcio de MONATO leteron, petante tiun ĉi subpremi manuskriptojn de iu japano. La redakcia sekretario aperigis refuton, kaj sekvis leteroj akuzantaj cenzuron. La tuta procedo aspektas banala, la legantoj denove konvinkiĝis pri la neciviliziteco de la japanoj, kaj neniu memoras plu la aferon.**

Tio tamen ne estas tiel simpla. Legante la vortojn de la redakcio, la japanoj tuj divenis la fonon, kiun eksterlandanoj ne scias. Temas pri naciismaj tendencoj en tiu lando. Ili estas de la sama vejno kiel tiuj de la reviziistoj en Eŭropo, kiuj neas la ekziston de la holokaŭsto. Ili negas la masakron de la ĉinoj kaj aliaj aziaj popolanoj kaj la tutan realigon de la postmilita demokratio en Japanio.

En Eŭropo, precipe en Germanio, ne estas afero de etika kodo, sed tiuj argumentoj estas punkodaj krimoj, dum en Japanio ili prosperas ne nur en la gazetaro, sed troviĝas reprezentantoj en la ministraro (Japanio estas la sola lando kie militkrimulo fariĝis ĉefministro), apogate de tiuj entreprenistoj, nun persekutataj de la prokuratoraro. La eŭropaj novnazioj estas, post ĉio, en la opozicio kaj baraktas akiri ian kredeblon, dum la politika establo estas fremda al tiuj. La politika klimato estas komplete diferenca inter la du.

La redakcio de ĉiu periodaĵo havas privilegion redakti, ĉu oni nomas ĝin cenzuro aŭ ne. La tasko de la ĵurnalismo ne estas simpla raportado sed edukado de la amaso. Ne estas ebleco de pura objektivismo. Kiam redaktoro elektas unu manuskripton, li jam faris subjektivan engaĝiĝon. Li igas paroli la faktojn, sed li havas definitivan starpunkton.

### Simplaj plebanoj

La okcidentanoj dirus ke oponantoj de certa opinio povus skribi mem al la redaktoro, refutante la opinion kiu al ili ne plaĉas. Estas ofte en Japanio la okazo ke ili estas simplaj plebanoj, ne lertaj en argumentado, precipe ne en lingvistiko kaj retoriko de nia „facila“ internacia lingvo, dum reviziistoj estas ofte bonaj uzantoj de esperanto. Mi ne postulas ke alilandanoj havu konon de sociologia medio en Japanio: kiu dezirus konon pri la kutimoj de barbaroj? Mi nur diras ĉi tie ke sin kaŝas iu cirkonstanco kiu estigis tiun malgrandan fenomenon. Almenaŭ ne pensu ke tiuj plendantoj estas adorantoj de aziaj despotismo kaj cenzuro, ili estas **kontraŭ tiuj ĉi**.

### Indulga trakto

Kiam reviziistaj opinioj estas ricevitaj de MONATO, la redakcio kutimas aperigi provokajn leterojn por ke kondamnaj leteroj amase enfluu, kaj poste deklaras la finon de la polemiko, donante decidan verdikton al la malpopulara rezonado. Tio efikas. Mi havas tamen de temp' al tempo maltrankviliĝon. Ĉu oni povus daŭrigi tian indulgan trakton kiam Le Pen kolektus 40 % da voĉoj? La situacio en Japanio estas proksima al tio. La aperigo de ŝovinismaj opinioj donas impreson ke tiaj havas fortan apogon inter la amaso kaj kuraĝigas la ekstremistojn.

La amaso ne ĉiam estas saĝa. Oni alprenas la demokration tial ke ĝi estas la malplej malbona sistemo kiu ekzistas. Oni pensu nur pri la plej famaj ekzemploj de malĝusta juĝo demokratia en la historio: tiuj de Sokrato kaj de Jezuo. Se oni metus la abolicion de la puno de morto al plebiscito, neniu lando en la mondo estus ĝin adoptinta. Tio estas aporio de la demokratio. La ĵurnalismo estas unu el la plej efikaj antidotoj kontraŭ la deficito de la demokratio.

Tre talenta kaj konscienca membro de la japana sekcio de TEĴA anoncis sian eksiĝon antaŭ nun preskaŭ unu jaro. Li ne rivelis sian motivon, sed mi tre forte suspektas ke li faris tion proteste al la nuna tendenco de la esperanta gazetaro.

YAMASAKI Seikô

**Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la jaro 1998?**

(Vidu paĝon 2)

KOLOFONO
*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: maul@newsfactory.net
Redaktofino de tiu ĉi numero: 16 dec 97
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso 100103.3317@compuserve.com
Ĝenerala sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; retadreso (syama@dokkyo.ac.jp)
Estraranoj: Aleksander KORĴENKOV; Paul PEERAERTS.
Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVÁSI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN
Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando
Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Trejnkurso: rimarkinda fenomeno

Unu el la plej rimarkindaj fenomenoj de la trejnkurso estas la efikoj de pria anonco, kiu aperis antaŭ eble du jaroj en *Kontakto.* Kiel atendite, reagis tiam dekoj da homoj: ĉiuj ricevis informon pri la trejnkurso, kelkaj komencis ĝin, kelkaj – bedaŭrinde – ankoraŭ atendas. Sed – kaj tio mirigas min – ankoraŭ riceviĝas informpetoj pri la kurso generitaj de la anonco. Monate nur unu–du ... tamen la petoj daŭre alvenas. Tio signifas, ke en kelkaj partoj de la mondo tiu numero de *Kontakto,* kiu jam delonge bruniĝetas sur la bretoj de jam plenŝtopitaj studĉambroj, ankoraŭ cirkulas, ankoraŭ validas.

Ĉu aparta fenomeno de la Esperanto–mondo? Alivorte: se mi – ni diru en dentista atendejo – enmanigus al mi revuon aperigitan antaŭ du jaroj, ĉu mi tiel entuziasme reagus al anonco? Mi kredas, ke ne. Mi dirus al mi, ke cirkonstancoj plej verŝajne ŝanĝiĝus, ke la oferto ne plu aktualas, ke la respondeculoj elposteniĝis, interesiĝas pri aliaj aferoj. Malnova revuo – samkiel ĵurnalo, sed malpli rapide – fariĝas historio. Tamen, klare, en kelkaj mondopartoj historio vivas.

Tion mi raportas por indiki kaj ĝojon kaj malĝojon – ĝojon, ĉar ekzistas tutmonda intereso pri la trejnkurso; malĝojon, ĉar la malfacilaĵoj kontentige organizi tian „distancan“ trejnkurson pli kaj pli evidentiĝas.

Kvankam sep personoj sukcese plenumis la kurson, restas ankoraŭ 16, kiuj iel okupiĝas pri ĝi. Iel ... sed kiel? Pro poŝtaj diablaĵoj – ĝenerale ekster Eŭropo, sed ne ĉiam – ege malfacilas konstati, kiu fakte faras la kurson, kiu rezignis, kiu ripozas. Sen tiaj scioj mi hezitas sendi pliajn studonto–nomojn al fidela kaj diligenta trejnkursa docentaro: se ĉiu studanto samtempe aktivus, docentoj trovus sin superŝutitaj per trejnkursaj taskoj.

**Tempomanko**

Rimarkeblas pluraj mankoj en la nuna trejnkurso. Ĝi aspektas mizera; ĝi enkomputiliĝis en praa, antaŭ–ĉapelila epoko; nepras freŝigi kaj ĝisdatigi la enhavon. Mi ne havos tempon en antaŭvidebla estonto surŝultrigi tiujn taskojn. Verdire, la trejnkurso pro mi lamas, fuŝiĝas. Mi trovis antaŭ nelonge, ke mi du fojojn akceptis studonton, petante, ke docento akceptu registriton, kiu – almenaŭ teorie – jam komencis la kurson. Mi pardonpetis al la koncerna docento kaj koleregis kontraŭ mi mem: mi ne sufiĉe zorge kontrolis mian trejnkursan datumaron ... kredeble pro postuloj de plentempa laboro, kiu aparte en la pasinta jaro fariĝis pli kaj pli temporaba.

Al la docentaro – Evgeni Georgiev, Will Green, Stefan Maul, Jacques Le Puil – mi (kaj sendube la studantoj) esprimas niajn plej sincerajn dankojn.

Paul GUBBINS

**Bilanco**

| Saldo je 1997-06-30 | FEL (BEF) | UEA (DEM) |
|---|---|---|
| | 25 931 k | 7,99 k |
| Enspezo | 3 383 | 25,00 |
| Elspezo | 1 415 | 90,00 |
| Saldo je 1997-10-21 | 27 899 k | 57,01 d |

Resume, ni estas en pozitiva saldo de ĉ. DEM 1 300, kaj povos daŭre eldoni IĴ en modesta formato.

Membrostato

44 pagis la kotizon por 1997 laŭ tio kion mi supozas el la spezo–konto. Mi ne povas diveni ĝuste ĉu iu enspezo estas kotizo aŭ ne.

La japana sekcio eldonis du unupaĝajn bultenojn, kiuj estas la sola ligilo de la membroj. Ni perdis unu malnovan membron.

YAMASAKI Seikô